3a JARO JUNIO 1911 8a NUMERO (32)

# BELGA ESPERANTISTO



## MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*
redaktata de **VAN DER BIEST-ANDELHOF**, direktoro ;
LÉON CHAMPY, FRANS SCHOOFS kaj
OSCAR VAN SCHOOR.

ABONPREZO :

| | | |
|---|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— | (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . | Fr. 5.— | (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . | Fr. 0.40 | (Sm. 0.16) |

**Tarifo de la reklamoj** (Prezo en frankoj)

| | *1 paĝo* | *1/2 paĝo* | *1/4 paĝo* | *1/8 paĝo* | *1/16 paĝo* |
|---|---|---|---|---|---|
| 1 jaro (12 n.) | 90.— | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— |
| 1/2 jaro | 50.— | 30.— | 18.— | 10.— | 6.— |
| 1/3 jaro | 40.— | 24.— | 13.— | 8.— | 5.— |
| 1/4 jaro | 30.— | 18.— | 10 — | 6.— | 4.— |
| 1 numero | 15.— | 10.— | 6.— | 4.— | 2.— |

**Redakcio.** Adreso por ĉio kio koncernas la redakcion (artikoloj, ĉiuspecaj informoj, jurnaloj, broŝuroj, libroj) : S-ro VAN DER BIEST-ANDELHOF, 26, Arendstraat, Antwerpen (Rue de l'Aigle, Anvers).

**Administracio.** (Abonoj, monsendoj, k. t. p.) S-ro FR. SCHOOFS, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen (Rue de la Petite Ourse, Anvers).

**Anonco pri korespondado :**
kun la numero de la jurnalo, en kiu ĝi estas presita : Fr. 0.50.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*




**Literaturaj konkursoj.** — En la literaturaj konkursoj malfermitaj de la « Sepo », povas partopreni ĉiuj esperantistoj. La manuskriptoj devas esti senditaj antaŭ la **15a de julio** al la sekretario-kasisto ; ili ne povas esti skribitaj de la aŭtoro mem kaj devas porti la *numeron de la konkurso* kaj *devizon,* ripetitan sur fermita koverto enhavanta la nomon de la verkinto.

Novaj favorantoj kaj temoj :

18. **Stela Concert**, Parizo. — *Kanzono tuj komprenebla laŭ populara ario.* Premio : Bela arta objekto.

19. **Redakcio de Germana Esperantisto**, Berlino. — *Priskribo de popolaj moroj,* aŭ laŭ elekto : *Popolaj legendoj.* Du premioj konsistantaj el libroj. Valoro de ĉiu premio : 25 fr. = 10 Sm.

20. **Societo Esperantista Kaŭkaza**, Tiflis. — *Originale aŭ tradukita 5-8 paĝa verketo pri iu ajn temo,* kun ekskluziva uzo de radikoj, entenataj en « Universala Vortaro » de la Fundamento. Premioj : 30 fr. = 12 Sm , 2a, 20 fr. = 8 Sm.

21. **S-ro Edwin Reed**, Washington. — *Originala rakonto aŭ novelo* enhavanta 4000-5000 vortojn. Premio : 25 fr. = Sm. 10.

22. **Societo Esperanto**, Dresden. — *La plej bona vojo al internacia organizo de la Esperantistaro : Reprezantantaro, centra gazetorgano, akademio kaj lingva komitato, administraciaj taskoj.* 16-20 paĝoj laŭ « Mono » formato. Premio : 50 fr. = 20 Sm.

23. **La Kroniko**, Kaiser Wilhelmstrasse, 15, Leipzig (Germanujo). — *Praktikaj konsiloj por fondi grupon esperantistan, interesigadi la grupanojn kaj vivigadi kunvenojn kaj instruadon.* Premio : ora artjuvelo por sinjoro kaj 5 Sm. da esperantaĵoj, laŭ katalogo de « Esperanto Propaganda Instituto ». (senpage ricevebla laŭ peto per ilustrita poŝtkarto).

☞ Konkurso de « **La Revuo** » La maksimumo de la pritraktota temo estas **25** paĝoj, ne 50.

**Loĝada komisio.** — La kongresanoj, kiuj jam posedas sian provizoran kongreskarton, kaj kiuj mendas loĝadon kaj manĝadon, estas petataj ĉiam aldoni sian adreson kaj sian kongresan numeron. *Oni estas insiste petata mendi, se eble, por du personoj nur unu ĉambron.*

La komitato faras *ĉion eblan* por plenumi la specialajn dezirojn de la mendantoj, ankaŭ pri la sidlokoj en la teatro, sed ĝi ne povas doni *garantiojn* al *ĉiuj* kaj por *ĉio.*

**Ekspozicio.** — La loka komitato de la « Sepa » organizos ekspozicion. Por ĝin sukcesigi ĝi faras alvokon al ĉiuj eldonistoj, aŭtoroj, grupoj kaj disaj samideanoj por la alsendo de libroj, broŝuroj, kantoj, cirkuleroj, fotografaĵoj, afiŝoj, ĉiuspecaj dokumentoj k. t. p. Ĉio estos zorge konservata, kaj tuj resendata post la 1a de septembro. Depost la 1a de aŭgusto la sendaĵoj estos akceptataj. Adreso : Sepa internacia kongreso de Esperanto, Koninklijk Athenæum, Antwerpen (Athénée Royal, Anvers).

**Rabatbiletoj.** — La prizorgo por havigo de rabatbiletoj ne koncernas la lokan organizan komitaton, sed la karavanestrojn kaj la naciajn organismojn. La Sepo atentigas la kongresanojn pri la fakto, ke en Belgujo ekzistas fervojaj abonoj valorantaj dum 5 tagoj (fr. 20,50 en 2a klaso, fr. 11,75 en 3a klaso) kaj dum 15 tagoj (duoblaj prezoj). Eventuale oni povas mendi tian abonon en la landlima stacio, laŭ formulo, kiu estos kunsendata kun la baldaŭ aperonta dua cirkulero de la « Sepo ».

**Oficialaj delegitoj.** — S-ro Davignon, ministro de la Eksterlandaj Aferoj, sendis en la nomo de la Belga registaro invitojn al ĉiuj landoj reprezentataj en Bruselo, por ke ili sendu oficialajn delegitojn al la Antverpena kongreso.

**Akcepto de D-ro Zamenhof.** — La Antverpena urbestraro oficiale akceptos D-ron Zamenhof, la membrojn de la

Konstanta Kongresa Komitato, la akademianojn kaj la Organizan Komitaton en la urbestrarejo, je Sabato, la 19a de aŭgusto. Ĝio prezentos la honorvinon al siaj invititoj kaj donacos al D-ro Zamenhof honoran pokalon.

La loka jurnalistaro, senescepte, sin montras tre favora al la kongreso, kiu cetere renkontas la plej simpatian akcepton de la tuta Antverpena enloĝantaro,

**Provizora programo.** — Car multaj kongresanoj deziras havi ideon pri la programo de la Sepa, la loka komitato ĉi sube publikigas provizoran festprogramon, al kiu kompreneble ŝanĝoj povos esti farataj.

*Vendredon, la 18an de aŭgusto.* — Malfermo de la akceptejo.

*Sabaton la 19an.* — Malfermo de la ekspozicio. Akcepto de D-ro Zamenhof en la Urbestrarejo. Vespere, koncerto de la *Vagabonda Klubo.*

*Dimanĉon la 20an.* — Diservoj. Procesio de la gekongresanoj. Koncerto en la Zoologia Ĝardeno. Vespere, prezentado de *Devo de Reĝo*, de *Por trankvilaj Personoj* kaj de *La Revuo de la Sepa.*

*Lundon, la 21an.* — Oficiala malfermo de la kongreso. Vespere : aŭdigo de flandraj kantoj.

*Mardon, la 22an.* — Vespere, unua prezentado de *Kaatje.*

*Merkredon, la 23an.* - Dua prezentado de *Kaatje.* Akcepto de la kuracistoj en la *Cercle Médical.*

*Ĵaŭdon, la 24an.* — Disdono de la premioj de la Literaturaj Konkursoj. Vespere, koncerto en la Zoologia Ĝardeno kaj privataj akceptoj.

*Vendredon, la 25 an.* — Balo.

*Sabaton, la 26an.* — Matene, ferma kunsido de la kongreso. Vespere, festeno.

*Dimanĉon, la 27 an.* — Diservoj. Manovroj de la Ruĝa Kruco. Vespere, koncerto en la Zoologia Ĝardeno.

**Van der Biest-Andelhof**, prezidanto ; **O. Van Schoor**, vicprezidanto ; **D-ro W. Van der Biest**, sekretario-kasisto ; **Maria Posenaer** ; Leŭtenanto **Fr. Dupont** ; **L. Ritschie** ; **Frans Schoofs.**

5. VI. 1911.

———xxxx———

## Nomaro de la kongresanoj aliĝintaj antaŭ la 4a de junio 1911

682. *Collegio de Farmacéutos*, 8, Guardia, Barcelona (Katal.-Hisp.)
683. Dalmau, Delfi, profesoro, 327, Diputacio, » »
684. D-ro Lederer, Siegfried, profesoro, 4, Nerndagasse, Weinberge, Praha (Aŭstr.)
685. Gottschall, Kornelius, financkomisario, Leoben (Steierm.- »
686. Duris, Charles, lernejdirektoro, 44, cours Gay Lussac, Limoges (Hte-Vienne-Franc

V. A. 194

687. S-ino Rayner, 15, Crosley Street, Lords Lane, Rastrick (Yorksh.-Angl.)
688. F-ino Smith, E. M.,23,Tofts Grove,Off Delph Hill, » » »
689. F-ino Aspinall, A.,4, Halifax Road, Brighouse » »
690. Dibble, V. C.,76, Wentworth Street, Charleston (South-Carolina-Usono).
691. Clifton, R. Linfoot, 654, F. Street, N. E., Washington (D. C. »
692. Stoffregen,Wilhelm,konstruestro,1a,Ziegelstrasse,Bitterfeld(Saks.-Germ.)
693. di Rienzi, Michelis, post- & telegrafinspektoro, 16, Boulevard Davoust, Auxerre, (Yonne-Franc.)
694. S-ino di Rienzi, verkistino,16, Boulevard Davoust, » » »
695. di Rienzi, Raymond, studento, 45, Boul. des Batignolles, Paris (Franc.)
696. F-ino Greenhalgh, L.,Barker Road, Middlesborough, (Angl.)
697. F-ino Richardson, Louie, instruistino, High Road, Eaglescliffe, (Durham-Angl.)
698. D-ro Zamenhof, Aleksandro, kuracisto, 15, Zielna, Warszawa (Rus.).
699. Istel, Ludwig, komercisto, 16, Webergasse, Wiesbaden (Germ.)
700. Sumfield, Valentine V., « Ivydene », Polegate (Sussex-Angl.)
701. S ino Sumfield, » » » »
702. Hudson, Thomas, lernejestro, 234, Dewsbury Road, Leeds (Yorksh. »
703. D-ro Johnston, G. Jameson, hirurgiisto, 13,Lower Fitzwilliam Street, Dublin (Irl.)
704. F-ino Vidal, Juliette, 2 rue Daval, Paris (Franc.)
705. Cuzon, Léopold, flagfabrikanto, 52, rue de Paris, Charenton (Seine-Fr.)
706. Peregordo Gamacho, José, artileria kapitano, 66, Toledo, Madrid (Hisp.)
707. Nicolau, Emonoil, komercoficisto, 5, Decebal, Bucuresti (Ruman.)
708. Kelvy, Ernest Christian, hemiisto, Bureau of Standards, Washington (D. C.-Usono)
709. Blaise, Paul, lingvisto, 3, Lynette Avenue, Clapham Common, S. W., London (Angl.)
710. S-ino Blaise » » » » » »
711. Schwarz,Jaromir, fervoja komisario,Muotaj begova ulica broj, 1 Sarajevo (Bosnio)
712. S-ino Schwarz, » » » » »
713. Tiller, A. G., Svärdsjö (Sved.)
714. F-ino Herrmann, Martha, 6, Grosse Meisnerstrasse, Dresden (Germ.)
715. F-ino Gouilly, Suzanne, instruistino, 7, rue du Collège,Bar s/A.(Aube-Fr.)
716. Genevois, Léon, kalkulisto, 36, r. de la Sablière, Le Creusot (S. & L., Franc )
717. Reboul, Léon, kalkulisto, 57, rue de Torcy, » » »
718. Werber, Isidor, fabrikisto, 19, Dürergasse, Wien (Austr.)
719. F-ino Royer, Cécile, 14, rue des Carmes, Paris (Franc.)
720. F-ino Royer, Jeanne, » » » »
621. Roy, François, lernejestro, 3, rue Anthoard, Grenoble (Isère-Franc.)
722. S-ino Roy, instruistino, » » » »
723. Ploussu,A., negocisto, 4, place J. Achard, » «
724. Michel, Georges, rentulo, 28, Av. de la Gare, » »
725. S-ino Michel, » » » »
726. F-ino Raffin, Marie, lernejestrino, 98, cours Berriat, » »
727. F-ino Blanc,Berthe,lernejestrino,31,rue Lesdiquières,» »
728. Bruyat, Etienne, instruistino,116, cours Berriat, » »
729. Chavas, Louis, rentulo, 9, rue Herbert, » »
730. S-ino Chavas, lernejestrino, » » »
731. Radziminski,B., administraciestro,domo 13, Zaporojce-Kamienskoje (Rus.)
732. Hailman, 310, S. Long Avenue, Pittsburg (Pensylv.-Usono)
833. F-ino Hoffmann, J., 136, A Street, N. E., Washington (D. C. » )
734. F-ino Kershaw, 74, Milrow Street, Rochdale (Lancash.-Angl.)
735. Graham, R., 15,Harvey Street, Liverpool » »
736. Leadly, 21, Feversham Crescent, York »
737. S-ino Leadly, » » » »

738. F-ino Johnson, 109, Worsley Road, Swinton, Manchester (Angl).
739. S-ino Wade, Soldier's Home, Clifden Street, Belfast (Irlando)
740. S-ino Harding, 83, Wellington Park, » »
741. F-ino Wylie, Ida M., Waterford Terrace, Coleraine »
732. S-ino Hazlett, Belfast Bank House, » »
743. Meredith, Ralph P., pastro, 1, Golf Terrace, Portrush »
744 Alonso, Vicente, kapitano, Deposito de Reservo de Artilleria, Burgos (Hisp.)
745. Esteban, Manuel, oficejestro, 45-50, San Juan, » »
746. Kirkbright, Samuel, komercisto, Robert Street, Accrington (Lanc.-Angl.)
747. Cowie, James A., oficisto, Western Avenue, Perth (Skot.)
748. Horseman, H, J., West Hartlepool (Anglujo)
749. Jonas, J., » »
750. Andrew, W., » »
751. Baylis, W., 13, Park Square, » »
752. S-ino Baylis, » » » »
753. F-ino O'Brien, Elizabeth, instruistino, St.Paul's Place, 3, Canonbury, London, »
754. F-ino Henningson, Annie S., » »
755. D-ro da Silva, Venancio, kuracisto, Rua Maria, 98 (Meyer), Rio de Janeiro (Braz.)
756. Pothast, H., bankoficisto, 63[1], Breughelstraat, 's Gravenhage (Hol.)
757. Mauchamp, Alphonse, bienulo, Fère-en-Tardenois, (Aisne-Franc.).
758. Van de Velde, Alfons, pentristo, 21, Groenhofstraat, Boom (Belg.)
759. D-ro Van de Briel, Albert, okulisto, 30, Rudolfstraat, Antwerpen »
760. S-ino Van de Briel, » » » »
761. Madou, Peter Jan, presisto, Schawijk, Ranst »
762. Grenier, Edmond, inĝeniero, 62, Rue de Maubeuge, Paris (Franc)
763. F-ino Whitemoss, 3, Marlborough Str. Accrington (Lanc-Angl.)
764. F-ino Williams, Mary, 69, New Hall Str. Burnley » »
765. F-ino Simpson, 271, Briercliffe Str., » » »
766. Witham, 20, Hornby Street, » » »
767. Halliwell, » » »
768. F-ino Pickup, Dora, 92, Burnley Road, Clough Bridge » »
769. F-ino Fyvie, Cassie, Waterford Terrace, Coleraine (Irl.)
770. F-ino Murphy, Kathleen, Waterford Terrace, » »
771. Wood, William, muzikverkisto, New Row, » »
772. F-ino Daly, Eileen, Villa Boschereccia, Bordighera (Ital.)
773. F-ino Alexander, Marion, stenografiistino, 3, Westhall Gardens, Edinburgh (Skotl.)
774. F-ino Forrest, Margaret, flegistino, City Hospital, » »
775. F-ino Harvey, Hilda Grange, Comiston Drive, » »
776. F-ino Henderson, Jane E,, instruistino, 22, Melville Str., » »
777. F-ino Hunter, Victoria, instruistino, 5, Bellevue Street, » »
778. F ino Johnson, Christina, stenografistino, Hope Street, 7, Portobello, Edinburgh (Skotl.)
779. F-ino Lawson, Agnes J., instruistino, 25, Scotland Str., Edinburgh (Skotl.)
780. F-ino Mc Intosh, Beatrice J., stenografiistino, 50, Almond Bank Terrace, Edinburgh (Skotl.)
781. Rhind, Henry, komercisto, 10, Brighton Crescent, Portobello, » »
782. Shed, Arthur, advokato, Haymarket Terrace, 34, » »
783. S-ino Valentine, 15, Newforth, » »
784. S-ino Algar, 86, Millhill Road, Norwich (Angl.)
785. F-ino Egmore, A., 2, Cozens Road, Thorpe Hamlet, » »
785. F-ino Egmore, N., » » » »
787. F-ino Johnstone, Agnes B., komizino, 16 Wharfedale Str., Earl's Court London »
8. F-ino Perkins, Amy, instruistino, City Schools, Brighton, »

789. Van den Eynde, J. D., poŝtoficisto, 10, Kogelstraat, Haarlem (Hol.)
790. Pavlovits, Mark, juĝisto, 1. Vecsey, Temesvar (Hung.)
791. Valette, Jean, studento, 35, rue de la Concorde, Toulouse (Hte Gar.-Fr.)
792. Planas, Joseph, pastro, Rectoria, Barbara del Vallés, Barcelona (Hisp.)
793. Odufré, Emile. Jean, studento, 308, Raam, Gouda (Hol.)
794. Hadfield, Fred., ĥemiisto, Market Str. Milnsbridge, Huddersfield (Yorksh-Angl.)
795. F-ino Hadfield, » » » »
796. F-ino Metcalf, J. E., lernejestriuo, 106, Calabria Rd., Highbury, London »
797. F-ino Metcalf, E. G., 12, St James Road, Kings Lynn, Norfolk »
798. F-ino Massingham, H., 52, High Street, » » »
799. F-ino Walker, A., 8, Fenwick Road, East Dulwich, S. E., London (Angl.)
800. F-ino Calvert, instruistino, 483, Kingsland Rd., N. E., London, »
801. F-ino Law, Elisabeth, 39, Rutland Street, » »
802. F-ino Keeble, J. E., 103 North Side, Clapham Common, S.W., » »
803. F-ino Metcalfe, L., Glouster Road, Pendleton, (Lanc.) »
804. S-ro Marriott, Rhodes, rentulo, 9, Albert Square, Manch. (Lancash.-Angl.)
805. S-ino Marriott, » » » »
806. F-ino Chapman, Estella, instruistino, 3, Darwin Av., Buxton (Derbysh. »)
807. S ino Mason, 37, Heatherville Rd. Crouch Hill, London »
808. Bubalo, Nicola, kalkula assistanto, 2, Mustajbej ulica, Sarajevo (Bosnio)
809. Maurin, Fileter, 45, Aleksandrovskaja, Stavropol (Kaŭkazo-Rus.)
810. Nieger, Maurice, 21, rue du Verger, Nancy (Franc.)
811. Nieger, Pierre, » » » »
812. Lebas, Aug., 20bis, rue des Carreaux, Boulogne s/M. (Pas de C., Franc.)
813. Comerre, Henri, negocisto, 15bis, place Simon Vollanz, Lille (Franc)
814. Clé (Frato Isidoro), profesoro en la Reĝa Instituto por Blinduloj kaj Surdmutuloj, [Woluwe (Belg.)
815. Munox, Enrique, komercisto, 597, Agraciada, Montevideo (Urugv.)
816. Selens, Louis monŝanĝisto, 51, Vestingstraat, Antwerpen (Belg.)
817. D-ro Smulders, J., kuracisto, Schijndel (Hol.)
818. S-ino Schreyer, Ernumerstrasse, 75, Hildesheim (German.)
819. F-ino » » » » »
820. F-ino Berg, Klara, Bernardstrasse, 32, » »
821. Poensgen, Hans, plantejestro, Schillerstrasse, 61, Düsseldorf »
822. Lochhead, John Finlay, inĝeniero, Northern Grove, 3, West Didsbury (Lancash.-Angl.)
823. Walter, Raymond, Charlotte Street, 6, Manchester »
824. Handford, G. H., Manchester (Angl.)
825. Willis, Sutton Road, St Helens »
826. F-ino Mathieson, West View House, Blackhill, Durham »
827. F-ino Ashby, 113, Duke Street, Southport »
828. F-ino Bennett, 40, Hereford Road, » »
829. S-ino French, 1, Royal Arcade, Boscombe (Bournemouth) »
830. Smith, W. T., 5, Northolme Street, Highbury, London »
831. Heron, Alexander, advokato, 14, Merchiston Park, Edinburgh (Skot.)
832. F-ino Mackie, Elizabeth, librotenistino, 25, St Patricks Square, » »
833. F-no Thomson, Clare J., Durham Road, Portobello, » »
834. F-ino Thomson, Mary, » » » » »
835. Whitehead, Alec T., 6, Douglas Terrace, » »
836. Wright, Annie G., librotenistino, 15, Moat Street, » »
837. Marquet, Lucien, optikisto, 25, Cours de l'Intendance, Bordeaux (Franc.)
838. S-ino Marquet, » » » »
839. Le Petit, Albert, 6, Place du Palais de Justice, Boulogne s/M. »
840. F-ino Saunders, B. C., 1603, Third Street, Washington (Usono)
841. F-ino Condron, Delia C., 570, Eye Street, N. W., » »
842. Duchochois, Maurice, 32, Quai Gambetta, Boulogne s/M. (Franc.)

843. F-ino Taylor, Ethel, 163 Knollys Road, Streatham, London (Angl.)
844. F-ino Taylor, Florence » » « »
845. F-ino Amblers,Connie,31 Bela Grove,Off Central Road, Blackpool »
846. F-ino Hamel, Alice, 14, Derby Grove, Nottingham »
847. Fox,Clifford, komizo, 29, Cedar Road, » »
848. Mudie, Bolingbroke, 17, Kensington Gardens, London »
849. F-ino Holdsworth, Edith, instruistino, 19 Welbeck Street,
Wakefield (Yorkshire) »
850. F-ino Hartley, 22 Hanson Terrace, » » »
851. F-ino Gilderdale, 11 St John's Square, » » »
852. F-ino Amy Liuty, 44 Dr Terrace, Keighley » »
853. F-ino Dunnill, Edith E.,
854. Rowe, F. G., librotenisto, 51,Portland Road, Nottingham »
855. Stuart Menteth, instruisto, Upper Bedford Place, W. C., London »
856. F-ino Oakland, E., komercistino, 7 High Street,
Wisbeck (Cambridgeshire) »
857. F-ino Gossling, Ada, komercistino, 7 High Street,
Wisbeck (Cambridgeshire) »
858. F-ino Gossling, Lotty, komercistino, 7 High Street,
Wisbeck (Cambridgeshire) »
859. F-ino Blin, lernejdirektorino, Verdigny par Sancerre (Cher-Franc.)
860. F-ino Limauge, Louise, Grand' Place, Condé »
861. Aldaz, komercisto, Ciudadela, 11, Pamplona (Hisp.)
862. Lovli,Jolian, leterportisto, Elgesater gade, 6, Trondhjem (Norveg.)
863. Turquet, Alphonse, notario, 9-11, rue Souchu-Serviniere,
Laval (Mayenne-Franc).
864. Sebruyns-Vromant, Michel, instruisto, Gentsche straat, 54,
St. Amandsberg bij Gent (Belg.)
865. F-ino Milsom,Maria, 19, Pont d'Arve, Genève (Svis.)
866. Milsom,A. E., studento, » » » »
867. Rodellar, Manuel, kompostisto, Diputacion, 93, Barcelona (Katal-Hisp.)
868. Steier, Karl, direktaro de la « Esperanto-Propaganda Instituto »,
Kaiser Wilhelmstrasse, 15, Leipzig (Germ.)
869. S-ino Thiele, Holzerstrasse, 31, Elberferd »
870. F-ino Thiele, Martha, kontoristino, Holzerstrasse, 31, » »
871. F-ino Aiton, Marjorie Charteris, South Gillsland Road, 1,
Edinburgh (Skot.)
872. F-ino Dishart, Bessie, stenografiistino,Bruntsfield Gardens, 24» »
873. F-ino Mc Lean, Jean A., stenografiistino, Montpelier Park, 38,» »
874. F-ino Warden, May S., St Andrew Square, 28, » »
875. Frodin, William Alexander, lernejestro,
Hampton-in-Arden (Warwicksh,-Angl.)
876. Greaves, JamesH., dekoraciisto, 34, Fielding Street,
Rishton (Lancash.-Angl.)
877. Caumont, Armand, emerita profesoro, Avenue de Rumine, 57,
Lausanne (Svis.)
878. Fabre, Alexandre, instruisto, Ecole de la Serinette, Toulon (Franc.)
879. Thiennot, Julien, instruisto, 24, rue Chenard, Romithy s/s »
880. Lemoine, Eugène, 21, rue de Moscou, Paris »
881. S-ino Lemoine, » » » » »
882. F-ino Bennet, Fanny, 12, place d'Anvers, » »
883 Pollini, Luigi, Tenda per Val Casterixo (Ital.)
884. Krestanoff, Ivan, instruisto, Peŝtera (Bulgar.)
885. De Wilde, Peter, tramoficisto, Christiaan De Wetstr., 34, den Haag (Hol.)
886. Geulebert, Bernardus, tramoficisto. » » » 76, » »
887. Bontekoe, Adriaan, tramoficisto, Cuypstraat, 9. » »
888. Baaten, Willem, tramoficisto, Badhuisstraat, 61c, Scheveningen »

# Konstanta Komitato de la Kongresoj

Laŭ la peto de D-ro Zamenhof, tiu ĉi propono estis prezentita al la anoj de Konstanta Komitato de la Kongresoj, kaj principe aprobita de ili. Sekve oni preparos elektadon de delegitoj, laŭ la maniero montrita de la projekto, kaj tiuj deligitoj povos, kredeble, diskuti kaj voĉdoni, en la Sepa Kongreso, pri la tuta afero. La tekston de kelkaj proponoj, kiujn D-ro Zamenhof intencas prezenti al la kunveno de delegitoj, estos publikigataj en venontaj numeroj de Oficiala Gazeto (*).

## Propono de D-ro Zamenhof pri la organizo de niaj Kongresoj

Internacia esperantista kongreso estas antaŭ ĉio festo de la esperantismo kaj propaganda manifestado. Sed krom tio ĝi havas (aŭ almenaŭ devus havi) ankoraŭ alian tre gravan rolon : diskuti kaj decidi pri ĉiuj demandoj, kiuj koncernas nian tutan aferon kaj kiuj ne povas esti solvataj de apartaj personoj, societoj aŭ institucioj esperantistaj.

Ĉiu esperantisto estas homo libera, kaj neniu havas la devon partopreni en la komuna esperantista entrepreno ; sed la plimulto de la esperantistoj havas la deziron tion fari, ĉar ili konscias tre bone, ke Esperanto prosperos nur tiam, kiam ni laboros kune ; tial apartaj personoj kuniĝas en grupojn kaj societojn, kaj la grupoj kaj societoj devas interkomunikiĝi, por priparoli kaj aranĝi entreprenojn komunajn. Tiel longe, kiel ni tion ne havos, ni ĉiam estos tute senfortaj, ĉar ĉiufoje, kiam aperos la neceso fari ian laboron komunan, troviĝos neniaj plenumantoj ; ĉiu aparta persono aŭ societo diros : « mi estas tro malforta au ne sufiĉe aŭtoritata », aŭ : « mi ne volas labori sola por la tuta esperantistaro, ĉar eble oni povus rekompenci min nur per atakado aŭ nekompreno de miaj bonaj intencoj ». Se ni ne volas esti tute senfortaj, la esperantistaj grupoj kaj societoj devas en orda maniero, per rajtigitaj delegitoj, periode priparoli kaj aranĝi ĉiujn necesajn komunajn entreprenojn. La plej bonan rimedon por tio prezentas niaj internaciaj kongresoj.

Ĉar ĉiu esperantisto estas homo libera, neniu havas ankaŭ la devon alkonformigi sin al la volo kaj opinio de ĉiuj aliaj esperantistoj (se li ne nur ŝanĝas la lingvon laŭ sia bontrovo kaj ne perdas per tio la rajton sin nomi esperantisto) ; sed la plimulto de

(*) Ni uzas la okazon por atentigi niajn legantojn pri la graveco de de la *Oficiala Gazeto*, kies legadon ni insiste rekomendas. Ĉiu esperantista grupo devus aboni almenaŭ unu ekzempleron de la oficiala organo, por ĉiam esti informata pri lakomunikoj kaj decidoj de la Akademio, Lingva Komitato kaj la aliaj fakaj komitatoj. En la marta numero de *O. G. E.* D-ro Zamenhof komencis daŭrigi la lingvajn respondojn, laŭ sia promeso donita en la Kongreso de Washington. Ankaŭ pro tio la oficiala organo estas vere interesa kaj leginda. Por abonoj oni turnu sin al la administracio, 51, rue de Clichy, Paris. *Red.*

la esperantistoj havas la deziron alkonformigi sin al la volo kaj opinio de ĉiuj aliaj, ĉar ili konscias tre bone, ke nia afero postulas antaŭ ĉio plenan unuecon kaj Esperanto progresos nur tiam, kiam siajn proprajn kapricojn, dezirojn aŭ opiniojn ĉiu esperantisto submetos al la deziro kaj opinio de la plimulto. Tial estas necese, ke pri ĉiu aperanta demando ni havu la eblon scii la veran opinion de la plimulto. Tiel longe, kiel ni tion ne havos, al ni ĉiam minacos anarĥio, ĉiam troviĝos personoj, kiuj diros, ke nur ilia opinio estas la opinio de la plimulto kaj ke ĉia alia opinio estas nur maljusta altrudo aŭ provo de regado. Se ni deziras, ke la esperantistoj laboru en plena unueco, ni devas, de tempo al tempo, en orda maniero, ankaŭ per rajtigitaj delegitoj, esplori kaj publike klarigi pri diversaj aperantaj demandoj la deziron kaj opinion de la plimulto, kaj por tio ankaŭ la plej bonan rimedon prezentas niaj internaciaj kongresoj.

Bedaŭrinde ĝis nun niaj kongresoj ne povis plenumi sian agadan rolon, ĉar ili ne estis organizitaj kaj ne havis la eblon aranĝi aŭtoritatan voĉdonadon. Ni povis decidi nur pri demandoj plej malgravaj, kiujn oni povis solvi per aklamo ; pri ĉio pli grava, pri kio la opinioj ne estis egalaj, ni nenion povis decidi, ĉar niaj decidoj, faritaj ne de orde elektitaj delegitoj, havus nenian valoron en la okuloj de la esperantistoj.

Por meti finon al tiu stato kaj doni al niaj kongresoj la eblon labori kun klaraj rezultatoj, mi proponas, ke oni enportu la malsupre donitan aldonon en la regularon de niaj kongresoj.

Ĉar ni ne havas ankoraŭ ian aŭtoritatan institucion, kiu povus pli rajte decidi pri mia propono, tial mi prezentas mian proponon al la Konstanta Komitato de de la Kongresoj. Se ĝi aprobas mian proponon, tiam mi petas, ke ĝi publikigu sian decidon kiel eble plej baldaŭ en la *Oficiala Gazeto*, por ke al la Antverpena kongreso ĉiuj esperantistoj povu jam prepariĝi laŭ la nova ordo.

L. L. ZAMENHOF.

## Aldono al la Regularo de la Universalaj Kongresoj de Esperanto

1. Ĉiu decido de Internacia Esperantista Kongreso estas deviga nur por la komunaj esperantistaj institucioj oficialaj, tio estas por tiuj, kiuj estas kreitaj kaj subtenataj de la tuta Esperantistaro. Por la esperantistoj privataj ĝi havas valoron nur moralan, montrante al ili la deziron aŭ opinion de la plimulto.

2. Partopreni en la Kongreso kaj en ĝiaj diskutoj havas la rajton ĉiu, kiu pagis la kotizon kaj submetiĝas al la kongresa regularo ; sed rajton de voĉdonado havas nur la regule elektitaj delegitoj de esperantistaj grupoj aŭ societoj.

3. Kiel delegito estas rigardata ĉiu persono, kiu prezentas al la Kongresa Komitato rajtigan leteron, kiun, en la nomo de la grupo aŭ societo, subskribis ĝia prezidanto kaj ne malpli ol 25 membroj.

4. Grandaj grupoj aŭ societoj povas elekti po unu delegito por ĉiuj 25 membroj, malgrandaj grupoj aŭ izolitaj esperantistoj povas, por elekto de delegito, kuniĝi kun aliaj grupoj. Sed neniu havas la rajton doni sian subskribon pli ol por unu elekto.

5. Ĉiu grupo povas elekti siajn delegitojn aŭ inter siaj propraj membroj, aŭ inter aliaj esperantistoj, kiuj partoprenos en la Kongreso. Ĉiu delegito havas tiom da voĉoj, kiomfoje po 25 anoj havas la grupoj aŭ societoj, kiujn li reprezentas.

6. La tagordon de la Kongreso fiksas la Prezidanto de la Konstanta Kongresa Komitato post interkonsiliĝo kun la aliaj anoj de tiu Komitato, kaj li publikigas ĝin du monatojn antaŭ la Kongreso en la Oficiala Gazeto, por ke ĉiuj societoj kaj grupoj havu la eblon esprimi al siaj delegitoj sian opinion pri la diskutotaj demandoj.

Se ia propono ne estas akceptita en la tagordon, ĝia aŭtoro havas la rajton disdoni ĝin dum la Kongreso al la delegitoj de la Kongreso, kaj se ne malpli ol 20 delegitoj subskribas ĝin kiel diskutindan, la Kongresa Komitato devas enporti ĝin en la tagordon.

7. Ĉi tiu projekto estas nur provizora. En la Antverpena Kongreso la rajtigitaj delegitoj diskutos kaj voĉdonos pri ĉiu paragrafo aparte kaj faros en la projekto ĉiujn ŝanĝojn, kiuj montriĝos utilaj.

(*El « Oficiala Gazeto Esperantista » Februaro 1911*)

Universala Esperanto-Asocio

# DUA KONGRESO DE U. E. A.

## ANTVERPENO. -- 26-30 de aŭgusto 1910

KARA SAMIDEANO,

Ni havas la honoron tutkore inviti vin partopreni en la 2a *Kongreso de U. E. A.*, kiu okazos en *Antverpeno* de la 26a *ĝis* la 30a *de aŭgusto* tuj post la Sepa Universala Kongreso de Esperanto.

La celo de tiu Kongreso estas duobla : unuflanke interŝanĝi ideojn kaj projektojn pri la plivastigo de U. E. A., aŭdi pri ĝia nuna situacio, ĝiaj metodoj, ĝiaj principoj, fiksi la grandajn liniojn de ĝia laboro dum la venonta jaro ; aliflanke ebligi pli intiman konatiĝon inter niaj ĉiuregionaj membroj, ilin alproksimigi tiel ke ili povu profiti la sperton unu de la alia kaj per tiu kunlaborado, kiun faciligas la dumkongresa

kunvivado, pligrandiĝu la sento de solidareco inter Esperantianoj kaj la fervoro por U. E. A.

La lastan jaron, nia unua kongreso estis rimarkinda sukceso. Ni esperas, ke ĉi tiun jaron ni atingos ankoraŭ pli bonajn rezultatojn, ĉu pri la laboro, ĉu pri la nombro de la ĉeestantoj.

Ĝuste antaŭ nia Kongreso okazos en la sama urbo la Sepa Universala Kongreso de Esperanto, al kiu ni tre instigas vin ankaŭ partopreni. Tuj post la Kongreso de U. E. A. okazos interesa vojaĝo tra Belgujo. Tiamaniere la personoj, kiuj ĉeestos en la Kongresoj de Esperanto kaj de U. E. A. povos tamen partopreni en la vojaĝo. La loka organizantaro fervore laboras por la aranĝo de la Kongreso kaj oni de nun povas esti certa pri gastema kaj samideana bonakcepto.

La kongreskotizaĵo estas fiksita *nur je* **2** *Sm.* ; ĝi rajtigas al ĉeestado en ĉiuj kunvenoj kaj senpaga ricevo de la kongresdokumentoj. La personoj, kiuj tute ne povas ĉeesti la kongreson aŭ kiuj ne ankoraŭ scias, ĉu ili ĉeestos, povas tuj de nun mendi karton de helpkongresano po **1** Sm., kiu rajtigas al la senpaga ricevo de la kongresaj dokumentoj. Helpkongresanoj povas laŭdezire fariĝi kongresanoj pagante la diferencon, t. e. **1 Sm**.

Ni do esperas, ke vi bonvolos fari ĉion eblan por ĉeesti en nia dua Kongreso kaj tiamaniere pruvi vian simpation kaj intereson al la laborado plenumata de nia Asocio.

Ni tre petas, ke por faciligi nian laboron, vi bonvolu *kiel eble plej baldaŭ* aliĝi kaj sendi samtempe la respondan monsumon.

| | |
|---|---|
| *La Direktoro de U. E. A.*, | *La Prezidanto de U. E. A.*, |
| **H. Hodler.** | **H. Bolingbroke Mudie.** |

*Por la loka organiza Komitato,*
**Van der Biest-Andelhof.**

*N. B.* — Post la 1ª *de aŭgusto* la prezo de la kongreskartoj estos *pligrandigata* je 20 % (2.40 Sm. anstataŭ 2 Sm).

Al ĉiu aliĝanto ni sendos la kongresan aŭ helpkongresan karton. La kongresaj raportoj estos riceveblaj ĉe la kongresa akceptejo post prezento de la kongreskarto.

Ĉiuj proponoj ekzamenotaj de la kongreso de U. E. A. devas esti alsendataj kiel eble plej rapide (lasta templimo : *27 junio*) konforme al la Kongresa Regularo (Oficiala Jarlibro 1911, paĝ. 21-24)

Povas partopreni en la kongreso nur la Esperantianoj pagintaj sian kotizaĵon por 1911. Konsekvence la personoj, kiuj ne ankoraŭ pagis ĝin, bonvolu samtempe tion fari ĉe la Delegito de sia regiono aŭ sendi ĝin (50 Sd.) kun la kongrespago.

La Centra Oficejo de U. E. A. ankaŭ ricevas la aliĝojn por la Sepa Kongreso de Esperanto (aparta aliĝilo). Reciproke «La

Sepo por la Sepa » akceptas la aliĝojn por la dua kongreso de U. E. A.

## PROVIZORA PROGRAMO

*Sabato 26.* — Ptmeze : Solena maltermo de la Kongreso kun ĉeesto de D-ro Zamenhof. Diversaj propagandaj paroladoj pri U. E. A. kaj ĝia socia signifo.

*Dimanĉo 27.* — Matene : Diservoj anglikana kaj katolika.

Ptmeze : Komuna promenado en la ĉirkaŭaĵo de Antverpeno.

*Lundo 28.* — Matene : Ĝenerala raporto pri la jara agado de U. E. A. Raporto de la Direktoro.

Ptmeze : *Financoj*. Budĝeto por 1912. Diskutado.

Vespere : Komuna festeno. Vesperfesto.

*Mardo 29.* — Matene : *Komerco*. Diversaj raportoj. Diskutado.

Ptmeze : *Turismo, junuloj & Studentoj. Laboro. Virinoj.* Diversaj raportoj. Diskutado.

*Merkredo 30.* — Matene : *Internacia Vivo*. Diversaj raportoj pri temoj koncernantaj la plifaciligon de la internaciaj rilatoj.

Ptmeze : Solena fermo de la kongreso.

## POSTKONGRESA VOJAĜO

*Ĵaŭdon 31.* — Frumatene, veturo al *Liège*. Vizito de Liège, Spa, Verviers, Loĝado en Liège.

*Vendredon 1a sept.* — Vizito de *Gent* (Gand). Loĝado en *Brugge*. (Bruges)

*Sabaton 2.* — Matene : Vizito de *Brugge*, ptmeze de *Ostende*. Vespere : *Mechelen* (Malines), fama sonorilar-koncerto. Loĝado en *Bruselo*.

*Dimanĉon 3.* — Vizito de *Charleroi*. Loĝado en *Namur*.

*Lundon 4.* — Vizito de *Namur*, bordoj de la Mozo, grotoj de *Han*. Loĝado en *Bruselo*.

*Mardo 5.* — Vizito de *Bruselo*. Veturo fervoje al *Temsche*, (Tamise) el tie vaporŝipe al Antverpeno.

Proksimuma kosto (vojaĝo, manĝado kaj loĝado) : 40 Sm.

**Definitiva programo de la Kongreso kaj de la vojaĝo aperos antaŭ la Kongreso.**

## Dua kongreso de la katolikaj esperantistoj, okazonta en la granda festsalono de la Instituto S-ta Vincento, en Hago, de la 14a ĝis la 19a de aŭgusto 1911.

Manko de loko malebligas nin presi *in extenso* la programon de tiu ĉi kongreso, kiun bonvolis aprobi Moŝtsinjoro Callier, episkopo de Harlemo.

La kongreso havos ses kunsidojn, en kiuj estos ĉefe pritraktataj la jenaj temoj : elekto de speciala komitato por la kunmetado de teologia vortaro ; kunigo de la disiĝintaj eklezioj en la centron de la kristanaro, la sankta Seĝo « Cathedra Petri » ; starigo de societo por la defendo de la katolika religio kaj ĝiaj kalumniitaj ministroj ; rimedoj por kunhelpi al la protektado de la junaj virinoj kontraŭ la malnobla « komerco pri blankulinoj » ; Esperanto ĉe la blinduloj ; rimedoj por helpi la vojaĝantaj samideanoj por renkonti, ĉefe, pastrojn parolantaj Esperanton ; la katolikoj kaj la pacifismo.

Belegaj festoj kaj ekskursoj enkadrigos la kongreson. La kongreskarto kostas Sm. 2.10 (Mendebla ĉe la kasistinoj F-ino Math. Borret, Prins Hendrikstraat, 21, aŭ S-ino Whitney, Weimarstraat, 251, 's Gravenhage.)

Artplenaj afiŝoj estas vendataj po Sm. 0.45 ; kaj la komitato ankaŭ eldonas kongresmarkojn, 100 por Sm. 0.45, 1000 por Sm. 3.85 (samaj adresoj).

La personoj, kiuj interesiĝas je tiu kongreso, estas petataj sin turni al S-ro Pastro A. Richardson, prezidanto, Institut St-Louis, rue du Marais, Bruxelles, Belgique.

---

## Nacia kongreso de la Societo franca por propagando de Esperanto (S. F. P. E.)

### LYON, 21-23an de APRILO 1911

Tiun ĉi jaron okazis en Lyon'o la unua nacia kongreso de la delegitoj de la S. F. P. E. ; ĝis nun efektive la delegitoj kunvenis dufoje en Parizo, sed nenian manifestacian karakteron ricevis tiuj ĉi kunvenoj, kiel okazis tiun ĉi fojon en la dua ĉefurbo de Francujo. La tri esperantistaj societoj de tiu ĉi urbo elektis organizan komitaton, kiu fervore laboris dum ses monatoj kaj sukcesis efektivigi grandiozan akcepton tute indan je siaj gastoj. La municipalaro konsentis monhelpon da mil frankoj kaj ĉiuj aŭtoritatuloj, urbestro, prefekto, militguberniestro, universitatuloj, deputatoj, senatoroj, k. t. p. akceptis partopreni la honoran komitaton ; plie la urbestraro senpage pruntedonis la belegajn salonojn de la Palaco de Komerco por la kunvenoj.

*21an de aprilo*. — Solena malfermo de la kongreso sub prezido de S-ro D-ro Dor, la sindona Nestoro de la Lyon'a

esperantistaro. S-ro Chavet faris tre plensukcesan paroladon pri la urbo de la Sepa internacia kongreso, Antverpeno ; belegaj lumbildoj montris al la multnombra aŭdantaro la vidindaĵojn kaj la belegecon de la gastema urbo, kie baldaŭ kunvenos la delegitoj de la tutmonda esperantistaro.

*22an de aprilo.* — Kunveno de la delegitoj de la S.F. P. E. ; ĝi daŭris la tutan tagon kaj eĉ nur finiĝis je dimanĉo. Oni scias ke ekzistis en Franclando du naciaj societoj : Unuiĝo de Federacioj (U. F.) kaj la S. F. P. E. La ĉefa celo de tiu ĉi jara kunveno estis precipe starigo de unu sola definitiva nacia societo, ceŝigante tiele ĉiujn antaŭajn disajn agadojn kaj organizante sur fortaj fundamentoj la propagandon tra Franclando. S-ro Cart, prezidanto de la S. F. P. E., prezidas kaj legas leteron de D-ro Zamenhof, invitante la francajn samideanojn ke ili interkonkordiĝu sub la Verda Standardo. Tri projektoj estis prezentataj : de la Federacio de la Burgonjo (S-ro Bord), de la grupo de Bourges (S-ro Esselin) kaj de la Unuiĝo de Federacioj, (S-ro Aizière). S-ro Bord deklaras alpreni la duan projekton. S-ro Aizière klarigas tre elokvente la projekton de l'U. F. kaj refutas energie la kontraŭdirojn jam faritajn al ĝi. S-ro Esselin prezentas sian projekton kiel intermezon inter tiu de S-ro Aizière kaj de S-ro Bord ; laŭ li, ĝi celas la interakordiĝon inter la partianoj de la unua ŝtato de l'esperantistaro franca kaj tiuj kiuj kreis l'Unuiĝon de Federacioj ; ĉiuj konsentas ke estonte la Nacia Societo enhavos nur federaciojn regionajn sed nune oni devas atentigi ke regionaj federacioj ne ekzistas ĉie, ke ĉiuj grupoj ne sufiĉe bone konas tiun ĉi organismon, ke transiro estas necesa. Fine la kunvenantaro akceptas la projekton de Bourges kiel bazo por diskutado kaj alprenas ĝin kun diversaj ŝanĝoj. La nova societo enhavos federaciojn kaj memstarajn grupojn. La kotizaĵo estas fiksita je 5 centimoj po ĉiu membro, minimumo : 10 frankojn por ĉiu federacio kaj ankaŭ grupo ; la sendependaj grupoj havas grandan intereson eniri en federaciojn por pagi malpligrandan kotizaĵon al la S. E. P. E. La administracia komitato enhavas : 12 membrojn elektitaj de la kunveno de delegitoj kaj unu membro por ĉiu federacio kiu posedos almenaŭ 500 anojn. Plie, specialaj komisiistaroj prenas sur sin diversajn taskojn : propagandon, instruadon, komunikaĵojn al la gazetoj k.t.p. Jen estas ĉefa karakterizaĵo de la nova regularo, aprobita de 6000 voĉdonantoj.

Vespera festo supere organizita de S-ino Fargos kaj de la speciala subkomitato okazis en la Hotelo de la Kantado, originala Lyon'a institucio. Granda koncerto kaj prezentado de *Angla sen profesoro*, lerte ludita de sindonaj samideanoj. Inter la du partoj de la festo, monkolekto por la blinduloj estis farata de la bonfaranta feino S-ino Ranfaing-Zabilon d'Her. La brila ĉeestantaro vigle aplaŭdegis la talentajn geartistojn, kiuj dum pli di ol 3 horoj ĉarmis la publikon, en kiu estis reprezentata la tuta

franca esperantistaro (Paris, Douai, Bordeaux, Bourges, Marseille, Nice, Dijon, Saint-Etienne, Limoges, Orléans, Bourg, Vienne, k. t. p.) Poste, balo daŭrinta ĝis la morgaŭa mateno finis la feston.

*23an de aprilo.* — Matene okazis diversaj specialaj kunsidoj. U. E. A. sub prezido de S-ro Ronpeau ; — delegitoj el la federacio esperantista rodana (F. E. R.) : la grupo de Lyon fariĝas societo prezidanta por 1912-13 ; — oni decidis starigon de speciala propaganda komitato por la Federacio-kunveno de Junuloj, sub prezido de S-ro Pichon, prezidanto de la Franca federacio de Junuloj.

Grupigitaj antaŭ la Palaco de Komerco la gekongresanoj estis fotografataj. Poste granda festeno okazis en « Hotel de l'Europe » sub prezido de S-ro Cart, kiu tostis pri la fina unuiĝo de la francaj esperantistoj sub nur unu flago kaj dankis la organizan komitaton pro la brila sukceso de tiu ĉi manifestacio esperantista. S-ro Dor dankis en la nomo de la loka komitato kaj S-ro Rollet de l'Isle en la nomo de la esperantistoj de Parizo ; S-ro Boirac, prezidanto de la akademio, rimarkigis ke tiu ĉi kongreso estas memorinda epoko en la historio de la franca esperantistaro kaj S-ro Generalo Sebert,Vicprezidanto de la F.V.E.R. sciigis ke tiu ĉi asocio regiona estas feliĉa ke ĝi estas la unua kiu aliĝis la novan S. F. P. E.

Solena fermkunsido okazis je la 3a horo ; diversaj eminentuloj D-ro Dor, S-roj Bourlet, de Lajarte kaj Rousseau parolis pri diversaj praktikaj aplikoj de Esperanto (T.E.K A., Internacia Scienca Asocio, tutmondaj administraciaj oficistoj, U. E. A.) kaj post kanto de l'Espero, la kongresanoj disiĝis tra la urbo, kunportante neforgeseblan impreson pri la unua franca esperantista kongreso.

Rimarkinda estis la sintenado de la loka gazetaro, kiu, unuanime, verkis longajn kaj entuziasmajn raportojn pri la kongreso ; sur fasadoj de la konstruaĵoj kie okazis la kunvenoj kongresaj flirtis gaje multnombraj verdaj standardoj kaj larĝa tolbanderolo sur kiu oni legis *Esperanta Nacia Kongreso* alkroĉita sur la norda fasado de la ĉefa kongresejo (Palaco de Komerco) montris al la loĝantaro, ke en tiu ĉi malnova monumento interkonsiliĝas delegitoj de la nova ŝtato, kiu ne estas ankoraŭ citita en geografiaj lernlibroj : ESPERANTUJO.

LYON' A SAMIDEANO.

---

La estraro de la S.F.P.E. estas kunmetita jene :
Prezidanto : S-ro ROLLET DE L'ISLE ;
Vic-prezidantoj : S-roj BOIRAC kaj CART ;
Kasisto : S-ro ROBERT ;
Ĝenerala Sekretario : S-ro DEMARCY ;
Helpa Sekretaria : S-ro AIZIÈRE.

# KOPIO DE LETERO

***sendita de 51 anoj de la oficiala " Bureau of Standards " (Oficejo de Normoj) de Washington al Profesoro Ostwald***

*Washington, 11 Aprilo 1911.*

Profesoro W. OSTWALD,
Ĉefredaktoro de *Zeitschrift für Physikalische Chemie*,
Gross-Bothen, Sachsen, Germanujo.

RESPEKTATA SINJORO,

Laŭ via peto en la lasta numero de *Zeitschrift für physikalische Chemie*, ni, legantoj de tiu gazeto, skribas por esprimi nian opinion pri via propono presigi en la *Zeitschrift für physikalische Chemie* resumon de ĉiu artikolo. Se tiaj resumoj estus presitaj en Esperanto, ili estus tre valoraj al ni kaj samtempe donus valoran pruvon pri la ebleco kaj la dezirindeco de la internacia lingvo en sciencaj aferoj.

La registara *Bureau of Standards* havas 250 anojn, nome la scienculojn kaj iliajn helpantojn. Multaj el ili estas studintaj Esperanton, kaj jam uzas ĝin, aliaj jus komencis, aliaj interesiĝas je ĝi kaj tute aprobas ĝin, sed neniu estas studinta Idon, aŭ deziras studi ĝin.

Tial, la *Bureau of Standards* urĝe petegas, ke la *Zeitschrift für physikalische Chemie* uzu Esperanton anstataŭ Ido. La nombro de Esperantistoj multe superegas la nombron de Idistoj, kaj, laŭ la principo tiel firme starigita, tio estas, la principo de la plej granda internacieco, estus pli bone uzi Esperanton, ĉar Esperanto jam estas la sola vera internacia lingvo. Plie, ni konsilas la uzadon de Esperanto, anstataŭ Ido, pro la sekvantaj kialoj :

1. — Ni kredas, ke la granda tutmonda disvastigado jam atingita de Esperanto pli valoras ol la malgrandaj « plibonigoj », kiujn oni povus eble gajni akceptante Idon, kiu estas nur Esperanto iom ŝanĝita. Rilate al la plibonigoj mem :

*a)* Esperanto povas, same kiel Ido, uzi *ch* anstataŭ *ĉ*, k. t. p., se okaze la presejoj ankoraŭ ne havas la supersignitajn literojn ; kaj ĉar oni jam ĉie estas povinta presigi kaj telegrafi Esperanton, la supersignitaj literoj ne ĝenas iun ajn.

*b)* La kelkfoja uzo de la akuzativa kazo en Ido ŝajnas pli kunfuzanta ol ĝia regula kaj konstanta uzado en Esperanto. La akuzativa fino ebligas iun ajn vortordon, kiu ŝajnos pli dezirinda al la verkanto por emfazo aŭ precizeco, sed Ido male postulos fiksitan vortordon, kiam ajn oni ne uzas la akuzativan finon, kiun ordon ĉiu aparta nacio devas lerni.

*c)* Estos ĉiam tute eble aldoni kelkajn afiksojn, kiam sufiĉe da Esperantistoj tion deziros, tial diskutado pri enkonduko de novaj afiksoj tute ne rilatas al la afero.

*d*) La manko en Ido de logika serio de kvardek-kvin korelativaj vortoj, kiuj ekzistas en Esperanto, estas bedaŭrinda ŝanĝo kaj maloportuna por la pli granda laboro, kiun ilia manko kaŭzas al lernantoj kaj uzantoj de la lingvo.

2. — Ŝajnas, tial, ke la pretendata supereco de Ido estas jam plejparte enhavata en Esperanto, kaj la cetero estas parte teoria, parte fantazia. Esperanto mirinde kreskadas, kaj, same kiel en aliaj gravaj aferoj, se ŝanĝado estus necesa, ĝi devus esti farata metode kaj per internacia komitato, eble submetita al la voĉdonado de la uzantoj de la lingvo. Tia komitato jam ekzistas inter la Esperantistoj.

3. — La problemo efektive estas, kiamaniere plej bone disvastigi la universalan scion kaj uzon de la internacia helpa lingvo. Esperanto jam iom trapasis tian tedan provperiodon, kaj estus malsaĝe ripeti ĝin. Anstataŭ fari tion, ĉu per ŝanĝita Esperanto, ĉu per alia lingvosistemo, oni devus konstrui, kaj nome kaj fakte, sur la fundamento jam tiel firme starigita.

4 — Efektive, Ido neniam estus povinta ekzisti, escepte pro la laboro farita de Esperantistoj, kaj neniam povas atingi puklikan atenton, escepte kiam ĝi sin alligas al la nomo Esperanto, per pretendo ke ĝi estas sama aŭ nur iom « plibonigita», aŭ per atakoj kontraŭ Esperanto, kiuj atakoj gajnas atenton nur pro tiu, kiun ili atakas. Estus malhonore forlasi Esperanton, post kiam la Esperantistoj faris en la tuta mondo laboron por gajni aliĝantojn al la internacilingva ideo.

5. — Multaj teĥnikaj vortaroj estas jam adoptitaj de la internacia Esperanta komitato. La ĥemia vortaro eble estos tute simila al la vortaro, kiun vi proponas en la artikolo titolita *Die Chemische Weltliteratur*.

6. — Oni ne devas forgesi la grandan danĝeron kiu alvenos al internacia helpa lingvo, kiam oni provos ŝanĝi Esperanton. Ne estas afero, de nura konkuro inter du preskaŭ egalaj lingvoj. Kontraŭe,estasafero,pri la sukceso de la internacilingva ideo mem. Grandan antaŭeniradon jam faris Esperanto kaj Esperantistoj al tiu celo. Ĝia plena akcepto de la nacioj estas proksima. Ia ajn peno enkonduki ŝanĝojn en Esperanton sub nova nomo, aŭ anstataŭigi ĝin per io ajn, kredeble ne nur finiĝos en la malsukceso de tiu celo sed ankaŭ en la detruo de la tuta internacilingva movado.

« Kio ! Alia internacia lingvo ! Kie estas Esperanto » ? oni diros, kiel antaŭ nelonge, ni, Esperantistoj, aŭdis la demandon : « Kie estas la mondlingvo Volapük » ? Kaj oni sendube demandos : « Do, kio venos post Ido ? »

Neniu volas lerni ŝanĝantan lingvon. Multaj personoj diras « Kiam la lingvo estos fiksita,tiam mi lernos ĝin.» Ĉu vi ne povas kompreni kiel malsprite estas havi du batalantajn lingvojn ?

Estos multe pli bone dediĉi niajn plej bonajn klopodojn al la antaŭenpuŝado de Esperanto, kaj rezervi eblajn ŝanĝojn por la estonteco, post kiam la sukceso de la movado estos certa, kaj tiam oni povos enkonduki tiajn ŝanĝojn, kiam almenaŭ pliparto de la uzantoj de la lingvo sentos ilian bezonecon, kaj enkonduki ilin laŭgrade, ne sub nova nomo, sed sub la nomo Esperanto, kiu nun ŝajnas triumfa post dudek-kvin jaroj.

La plej malfacila laboro estas preskaŭ pasinta. Ni nek retrogradu nek haltu,ni ĉiam antaŭen iru kune kaj unuigitaj ! Ni petas, ke vi helpu la mondon uzante vian grandan influon kaj donante vian valoran helpon al Esperanto, la lingvo, kiu plej bone ilin meritas !

Esprimante al vi nian plej altan respekton, ni estas.

sincere la viaj

*(Subskriboj)*

## *Gratuloj*

La 8an de majo geedziĝis en Verviers S-ro PAROTTE, eks-prezidanto fondinto, kaj F-ino EVA DE MORTIER, kasistino de la tiea grupo. Ambaŭ estas tre fervoraj kaj simpatiaj gesamideanoj, al kiuj ne nur la esperantista movado en Verviers, sed ankaŭ la ĝenerala propagando en Belgujo multe ŝuldas. B. E. esprimas al la junaj geedzoj siajn tutkorajn gratulojn, kune kun siaj plej fervoraj bondeziroj pri feliĉo kaj prosperado.

## PROBLEMOJ(1)

22. — **Enpenetriĝantaj Vortoj**. — Serĉu vortojn (dusilabajn) signifantajn : delikata tuŝo per lipoj — trinkajo — malsekigita polvo — neakompanata - lina ŝtofo — inter montoj — maltrankvilego — konsulti la sorton — jus farita — purigi — ejo — ridindigi.

Krom la unua kaj la lasta, tiuj vortoj estas senorde donitaj. Aranĝu ilin tiamaniere, ke la unua parto de ĉiu vorto estu sama, kiel la lasta de la antaŭ metita vorto.

23. — Tiujn ĉi dekdu vortojn aŭ esprimojn kvadrate ordigu unu sub alia, kaj la du grandaj diagonaloj montros gravan okazontajon.

Ekrenovigita — paserungegoj — antaŭirantoj — asekurebleco — cenzuristino — observatorio — popolamasano — interesa ĉaso — fiŝokaptisto — prapatra raso — silentiĝinte — antaŭenirado.

24. — **Anagrama kvadrato.**

FIGURO :



En ĉiu el naŭ fakoj de tiu ĉi kvadrataro, aldonu unu el la literoj :

e - e - i - n - o - o - o - o - o.

Anagramiginte la ses literojn de ĉiu vico, horizontale kaj vertikale, vi trovos ses vortojn, kies signifo estas : antikva libro — roma imperiestro — malproksimigo — moka parolmaniero — ĉiela punkto — parto de konstruaĵo. PLANTANO.

(1) Oni sendu la solvojn, antaŭ la 25a de aŭgusto, al S-ro FRANS SCHOOFS, sekretario de la Redakcio, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen (45, rue de la Petite Ourse, Anvers). Prefere skribitajn sur poŝta karto.

En la lasta numero de la 3a jarkolekto estos publikigataj la nomoj de la solvintoj. Oni povas respondi pseŭdonime.

Belaj premioj estos aljuĝataj.

# DIVERSAJ INFORMOJ

**Teosofia Esperantista Ligo.** — Mi prenas permeson atentigi la membrojn de *Teosofia Esperanta Ligo*, pri la cirkulero de Doktoro Zamenhof, kiu donas al ni sekvindajn konsilojn. Efektive li klarigas la ĝustan metodon, kion ni devas uzi por niaj laboroj, dum la venonta Antverpena kongreso, ĉar nia intenco estas utiligi tiun gravan okazontajon de internacia renkontiĝo por doni al nia Ligo definitivan organizadon.

Taŭga kunvenejo estos rezervita por niaj kunsidoj dank'al afablaj prizorgoj de la Loka Komitato de l'kongreso : ni povos do fari utilan fruktodonontan laboron, se ĉiu Liga Sekcio bonvolos sendi al la Antverpena kongreso delegitojn, rajtigitajn por la alprenotaj decidoj.

Estus necese ke, ĉe ĉiu Sekcio, oni antaŭ ekzamenu la ĉefajn punktojn, pritraktotajn en ĝeneralaj kunvenoj kaj, por starigi tiun laboron, ĉiu sekciestro, aŭ Liga Sekretario devas interkorespondi unu kun la alia. Tiamaniere ĉe la kongreso, estos nenia konfuzo, aŭ haltigo, ni tuj eklaboros efike kaj bonorde.

Esperante aproban kunhelpon pri tiu propono, mi salutas tutkore kaj frate ĉiujn gesamliganojn.

S-ino Diou-Trouillon, Prezidantino de la franca sekcio, 145, Boulevardo Malesherbes, Paris, Francujo.

— **Deziras korespondi** : S-ro Manuel Jesus Rosa & Silva, 68, rua des Ferreiros, Funchal (Madeira) ; li deziras interŝanĝi poŝtmarkojn kaj ilustritajn poŝtkartojn ; S-ro Wilh. Stoffregen, konstruestro 11 Ziegelstrasse, Bielefeld (Germ.) ; R-ro J. Bielojev, Teĥnika kontoro D. Z. Zaporojje-Kamienskoje, gubern. Ekaterinoslav (Ruslando), per ilustritaj poŝtkartoj.

— **Sesa Skota Kongreso** (Dundee 16-19 de junio 1911). La sciigojn pri tiu kongreso ni ricevis tro malfrue por presigi ilin en la majan numeron. Kiam la junia kajero aperos, la kongreso jam estos finiĝinta.

— **Nerica profesoro** el Praha, Praag, Prague (Bohemejo) estus tre danka al samideano, kiu bonvole kaj senpage akceptus lin en sia hejmo dum la sepa kongreso. En okazo de kongreso en Praha, li kun ĝojo akceptus tiun samideanon en sia propra domo. Oni sin turnu al D-ro **Van der Biest**, Minderbroedersrui, 76, Antwerpen.

— **Reformgimnaziano** el bona familio, 19 jara, petas senkostan loĝejon kaj manĝadon en Antverpeno kaj reciproke proponas instrui Esperantan kaj anglan lingvon, aŭ iajn sciencajn aŭ manajn laborojn. Respondon oni bonvolu sendial S-ino Prof. Hankel, Dresden-A., 18, Nicolaistrasse.

— **Komuniko**. Mi sciigas ĉiujn miajn korespondantojn, ke al konstantaj kaŭzoj de mia neakurateco pri korespondado (ŝanĝo de l'adreso, malakurateco de l'poŝto, manko de l'tempo ktp), aliĝis ankoraŭ nova, tre grava kaŭzo : dum la nokto de 23-24 aprilo 1911, en nia loĝejo okazis polica serĉado kaj ĉiuj skribajoj kaj fotografajoj, trovitaj ĉe mi, estas forprenitaj. Tiun malfeliĉon kaj humiligantan ofendon mi dividas kun multaj samurbaj samideanoj, kaj tio malebligas al mi eĉ revi pri akurata korespondado. Alilandaj samideanoj bonvolu atenti la kondiĉojn de vivo de ruslandaj esperantistoj kaj, ne trop rapide kondamni ilin pro ilia malakurateco. Kiam mi ricevos mian arĥivon, mi sammaniere sciigos pri tio.

La sama afero la saman nokton okazis en la loĝejo de jenaj Petersburgaj samideanoj kaj en la Oficejo de Ruslanda Ligo Esperantista : 1. S-ro N. P. Evstifejeff, 2. S-ro *A. A. Postnikov*, 3. S-ro H. B. Beringer, 4. S-ro W. M. Zike, 5, S-ro *Burkev*, 6. F-ino *V. F. Barabanova*, 7. F-ino J. M. Zike, 8. S-ro Volkvysskij, 9. F-ino A. N. Trapeznikova, 18. F-ino K. N. Kosjankovska.

La nomoj kursive presitaj montras, kiuj estis arestataj krom tio.

*N. P. Evstifejeff* (Petersburgo, Ruslando), akademiano, lingvokomitatano, honora membre de la Rumana Esperantista Societo, vicprezidanto de l'ruslando Esperantista ligo, prezidanto de la studenta universitata grupo, konsulo por la junuloj (U. E A.), ktp.

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al la Direktoro de « Belga Esperantisto », 25, Arendstraat (rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, kiuj enhavas artikolojn pri nia movado.*

**ANTVERPENO.** — **Antverpena Grupo Esperantista.** — Unu el la ĉefaj vidindaĵoj de Antverpeno estas la muzeo de antikvajoj « La Ora Sprono », apartenanta el la klera artamanto S-ro Claes, Strato St Vincento, n-ro 12. La posedanto de tiuj multnombraj trezoroj estis invitinta la anojn de la A. G. E. organizi en sia granda, artplena salono, sian ĉiusemajnan kunvenon, je sabato, 13a de majo, kie li afable bonvenigis ilin. Post la kunsido, la estimata dommastro kondukis la esperantistojn tra siaj salonoj, kie ili tre miris pro la multnombraj, riĉaj kuriozajoj. La vizitantoj skribis sian nomon en la « Oran Libron » kaj post kanto de « l'Espero » kaj elokventa dankparolado de S-ro O. Van Schoor, prezidanto, ili forlasis la gasteman S-ron Claes, kies valorplenaj kolektoj estas certe unu el la plej admirindaj, kiujn oni povas vidi.

—**Verda Stelo**. — La grupanoj estas insiste petataj ĉeesti la ĉiumonatan ĝeneralan kunvenon, kiu okazos merkredon, la 21an de junio, je

la 8 1/2 a vespere en la kafejo « Zomerhof », 30, Dageraadplaats (Place de l'Aurore).

*Tagordo* : 1. Raporto pri la antaŭa kunveno. — 2. Parolado pri la propono de D-ro Zamenhof, — 3. Tria belga kongreso. — 4. Sepa internacia kongreso. — 5. Programo dum la proksima vintro. — 6. Diversaj informoj.

**St GILLES (BRUSELO).** Por inde fini jaron da senĉesaj kaj fruktodonaj klopodoj, la grupo « Autaŭen » de St Gilles, organizis la 28an de Majo, ĉe sia sidejo, sian unuan feston.

Multnombraj samideanoj bruselaj kaj eksterurbaj respondis al ĝia invito. Inter ili estis :

S-ro Pastro Richardson, vicprezidanto de la B. L. E.,
S-ro Champy, sekretario de la B. L. E.,
Frans Schoofs, eldonanto de « Belga Esperantisto », prezidanto de la « La verda Stelo » (Antverpeno), F-ino Moreau kaj S-ro Mertens, gevicprezidantoj de la « Brusela Grupo Esperantista ».

La ĵurnalaro estis reprezentata de tri redaktoroj de *L'Etoile Belge*, *La Dernière Heure* kaj *L'Echo des Etudiants*.

Post tre interesa parolado de S-ro Verbanck, unu el niaj plej fervoraj samideanoj, kiu elokvente skizis la historion de Esperanto kaj montris la praktikan uzeblecon de nia lingvo, junaj gemembroj de la grupo ludis komedion « Edziĝo bone aranĝita » originale verkita de la simpatia prezidanto de « Autaŭen », S-ro Emilio Baez.

Rimarkinde estas ke la aktoroj apartenis al 4 diversaj nacioj.

Fine la konata kaj ĉiam amuziga verko de S-ro D-ro W. Van der Biest « Amours Esperantistes », perplene ludita, decidis la sukceson de la festo.

Inter la du teatraĵoj oni aŭdis tre bonan kantiston, S-ron F. Dothée, ĉarman parizan samideaninon, F-inon C. Beijnard, kaj komikulon, S-ron Willy, kiu tre ĝojigis la ĉeestantaron.

Post la prezentado, la grupanoj kunvenis ankoraŭ dum kelkaj minutoj por aŭdi la gratulojn de S-ro Schoofs kaj de la ĵurnalistoj kaj la afablajn dankojn de S-roj Baez kaj Tillière, vicprezidanto de l'Autaŭen.

Tiu festo, kiu honorigas la organizintojn pro sia bonega aranĝmaniero, certe utilos al la disvastiĝo de nia movado, ĉar tuj poste diversaj personoj enskribiĝis kiel membroj de « Autaŭen ».

Ni gratulu tutkore la komitaton de la Grupo kaj imitu ĝian ekzemplon !

F. M.

**S-ta MARIABURG.** — Antaŭ kelkaj semajnoj la membroj de la agema societo *La Verda Flago* feste kunvenis en sia grupa sidejo por prezenti, donacon al sia sindona kaj lerta profesoro, S-ro Weyts. S-ro Willemsen, prezidanto, afable dankis la simpatian profesoron pro lia altvalora instruado kaj lia nelacigebla sindono : S-ro Weyts, profunde mirigita kaj kortuŝita esprimis sian dankon al la gegrupanoj kaj promesis al ili la daŭrigon de sia kunlaborado per progresigi Esperanton, kaj S-ro John Van de Stadt, ĉiam junkora kaj plej entuziasma samideano, kvankam pli ol sepdekjara, vokis la atenton de la Verdflaganoj sur la gravecon de la VIIa kongreso kaj de la kongresaj festoj pri kiuj li donis tre interesajn klarigojn. Li faris varman alvokon al la ĉeestantoj, kaj insiste invitis ilin aliĝi la kongreson. La sukceso de S-ro Van de Stadt estis tia, ke multaj Verdflaganoj promesis enskribiĝi baldaŭ.

Post la paroladetoj okazis bela koncerto : sin distingis la talentplena flutisto S-ro Van Langendonck kaj la ĉarmaj kantistinoj S-ino Thiels kaj F-ino Van Kraay. Laŭ la flandra kutimo, oni ne preterlasis trinki kaj.... retrinki

je la sano de la amata profesoro, kaj oni gaje restis kune ĝis kiom la malgrandaj horoj eksonis. Sume, tre agrabla kaj tre amuza kunveno.

SESULO.

**VERVIERS.** — **Esperantista Grupo**. — La 1an de majo okazis festo je l'honoro de F-ino De Mortier, kasistino, kaj de S-ro J. Parotte, eks-prezidanto, edziĝontaj la 9an de la sama monato. S-ro J. Herla, sekretario, esprimis, en la nomo de la multnombra ĉeestantaro — en kiu la bela sekso estis ĉarme reprezentata — la simpatiajn sentojn de la grupanoj al la amataj gefianĉoj, kaj S-ro Rommel, prezidanto, varme apogante la alparolon de S-ro Herla, prezentis al la estonta juna paro donacon kiel afablan memoraĵon. S-ro Parotte, tre kortuŝita, dankis tutkore siajn geamikojn kaj promesis daŭrige kaj akurate ĉeesti, kun sia edzino, la kunsidojn de la grupo. La neforgesebla kunveno de la 1a de majo naskis plej agrablan impreson, kaj la ĉeestintoj certe konservos pri ĝi ĉiaman rememoron.

---

# LITERATURA FAKO

## BELA LANDO

DE

ALFRED MABILLE

La jena priskribo estas ekstraktita el la bela **Livre de lecture et de morale, par Aug. Smets** (Bruselo), eldono de J. Lebègue & C^ie^, 46, rue de la Madeleine, Bruxelles.

S-ro Mabille, kiu sin okupas sukcesplene pri instruado kaj literaturo, estas ĝenerala direktoro de la Publika Instruado de la urbo Bruselo.

Ekzistas bela lando; tiu lando estas la nia. Ne ĉar ĝi estas granda kaj potenca, ĝi nur estas malgranda kaj modesta; sed tiu peceto da tero kunigas en siaj malvastaj limoj la plej diversajn kaj plej pentrindajn aspektojn. De la sablobendo kie venas alfrapi la ondoj de la Norda Maro, ĝis la supraĵoj de nia Ardenlando, aro da plataĵoj, ĉiam malsimilaj, intersekvas kaj formas kvazaŭ grandegan ŝtuparon kies unua ŝtupo sin banas en la Oceano kaj kies kapo kroniĝas per arbaregoj kaj erikejoj.

La vojaĝanto, kiu, kun bastono en la mano kaj sako sur la ŝultro, trairus Belgujon irante de ŝtupo al ŝtupo, vidus malvolviĝantajn antaŭ liaj okuloj, kvazaŭ fragmentojn de panoramo, ŝanĝiĝajn horizontojn, dolĉajn aŭ severajn, krutajn aŭ ĉarmajn, melankoliajn aŭ gajajn, laŭ la konsisto de la tero, la laboro de l'homo aŭ la ŝanĝiĝoj de la naturo.

Li unue admirus la maron, kvietan kvazaŭ lageto, aŭ furiozan kaj frapantan la digojn kaj la dunojn kvazaŭ giganta katapulto, aŭ ankaŭ dolĉe ondiĝantan, kun ĝiaj linioj de ŝaŭmfranĝitaj ondoj kiuj alfrapas la sablon.

Poste li trairus la Flandran ebenaĵon kun belaj kamparoj, la herbejojn kie paŝtas la brutaroj, la grandajn kampojn riĉe kulturitajn, la lupolplantejojn kun altaj stangoj, la linkampojn kun bluaj floroj, la vilaĝojn kun iliaj ruĝaj tegmentoj laŭlonge

de la vojo, kie la vento tremetigas la foliojn de la grandaj ulmoj kaj kurbigas la poplojn, laŭ regula ritmado.

En Brugo kaj Gento, li povus vidi la admirindajn postsignojn de nia Mezepoka arto, la historion de la grandeco de l'komunumoj, de la bataladoj de niaj praavoj por la libereco, skribitaj en la ŝtono, per la ĉizilo.

Gento, krom la malnovaj monumentoj, montrus al li siajn modernajn industriojn : la kotonŝpinadon, la teksadon kaj presadon de la ŝtofoj. Li vidus ankaŭ Kortrejkon, kie oni teksas la linon, per kiu oni faras niajn bonajn flandrajn tolojn.

Kaj, laŭirante la grandan riveregon kun malhelaj, sablokoloraj ondoj, la larĝan kaj majestan Skeldon, li alvenus en Antverpeno, kaj admirus, de la supro de la bordpromenejoj, la belan havenon kaj ĝian senĉesan aktivecon.

Li tie vidus la produktojn de la tuta mondo, amasiĝantajn sur la kajojn, la longegajn vagonarojn kiuj forportas tiujn riĉaĵojn al ĉiuj partoj de Eŭropo, el kiuj ili reportas interŝanĝe la industriajn produktojn de nia kontinento.

Superregante la riveregon kaj la bordon, kie la svarmo de senĉesa laboro miksigas kriojn kaj vokojn en ĉiuj lingvoj de la mondo, la sibladon de la vapormaŝinoj, la ruladon de la arganoj, la ekfrapegojn de la vagonoj, elstaras, kiel revoko el la estinteco, la malnova *Steen*, postsigno el tempoj pasintaj, kiu ŝajnas rigardadi, mirigate, tiujn kajliniojn kie plenumiĝas la laboro kun la furiozo kaj la bruo de batalo.

Trans la malaltaj fortikaĵoj, jen estas Kempenlando, kun siaj vastaj sablaj stepoj, siaj abiaroj, siaj marĉoj, siaj torfejoj, siaj izolitejoj, sia malgaja kaj malhela kreskaĵaro. Sed la homo entreprenis ankaŭ tie la batalon kontraŭ la tero : per laboro kaj oferoj, la senfrukta sablo estos fruktigata, kaj, paŝon post paŝo, la senkultura ebenaĵo plimalvastiĝas kaj la kampo anstataŭas la marĉon kaj la erikejon.

Fine, la vojaĝanto irus al Bruselo, kiu montrus al li siajn larĝajn stratojn, siajn multnombrajn monumentojn, siajn aspektojn de ĉefurbo laŭkaprice ornamita, la movadon de sia popolamaso kaj sian lukson.

Li tie vidus la monumentojn kiuj ŝirmas la diversajn organojn de la nacia supereco : la Reĝan Palacon, la Leĝigajn Ĉambrojn, la Ministrejojn.

La malnova urbo konservas, kiel trezorojn, tiujn atestojn de la iama komunuma potenco : la Urbdomon kaj la Domon de la Reĝo, kiuj tiel mirinde enkadrigas la belegan Grandan Placon, kun la riĉaj gildodomoj.

La tuta historio de la urbo malvolviĝis en tiu ununura kadraĵo, kaj la tagoj de doloro tie sekvis la festotagojn.

Estas tie, tute apude, ke la rivero Senne, kiu antaŭe fluis liberaere, estas malliberigita sub arkaĵoj laŭlonge de kiuj staras la belaj modernaj domoj de la centraj bulvardoj.

Ĉe la supro de la monteto, kiu estas videbla de multaj mejloj ĉirkaŭe, staras la kupolo de l'Juĝejo.

Tiamaniere ĉiu generacio klopodas por lasi al la postvenontaj generacioj ateston de sia arto, de sia riĉeco aŭ potenco.

En la ĉirkaŭaĵo, la grasaj kaj ondiĝantaj ebenaĵoj de Brabanto, trafluitaj de la Senne kaj la Dijle kaj kovritaj de riĉega kreskaĵaro, donus al la vojaĝanto la impreson de riĉa lando, de malŝparema tero, kiu malavare kompensas la laboron.

Pli malproksime estas Henegaŭo, nigra pro karbo kaj fumo. Li povus vidi la malfermitajn enirejojn de la karbminejoj ; la altajn kamentubojn de la fabrikejoj, kiuj elĵetas densajn nigrajn kaj akrajn fumerojn ; kaj vespere, la flamojn de la minfornoj, kiuj donas al la ebenaĵo la minacantan aspekton de grandega brulado. Li povus klmiĝi super la kapturnigan funelon de la ŝtonminejoj ; en tiu lando, kie ĉefe regas la industrió, kie ĝi ĉion kovras per sia polvo kaj siaj elbrulaĵoj, la naturo apenaŭ de loko al loko, reprenas sian superecon en la malriĉaj kamparoj kaj la maldikaj salikplantejoj laŭlonge de la riveretoj.

Fine, li trairus Mozlandon, de la dolĉa valo de la Sambro ĝis la sovaĝaj bordoj de la Semois, ĝis Lieĝo, la ridanta kaj gaja urbo falanta de la deklivoj por ripozi ĉe la bordo de l'riverego, gis la malhela masivo de l'arbaregoj de Herzogenwald.

Li laŭirus la fluon de la Amblève kaj de la Lesse, du perloj enmetitaj en rokon kaj verdaĵon ; li ripozigus siajn okulojn sur tiujn arboriĉajn montetojn, tiujn profundajn horizontojn kun malproksimaĵoj perditaj en nebuloj, sur tiujn dormantajn aŭ rapidegajn akvojn, falantajn kaskade, tra ŝtonfendoj, kaj ĉiam helajn kvazaŭ kristalo. Tiuj altaj rokmuregoj, kovritaj per kreskaĵaro kiun ili de temp' al tempo traboras, kvazaŭ por havi sian parton da aero kaj ĉielo, enkadrigas la valojn, randigas la akvovojojn kaj formas, sur la altaj plataĵoj, reton da sulkoj kie regas freŝeco, ĉarmo kaj ripozo.

Li fine povus trairi la regionon *Fagnes*, tiun Kempenlandon de l'Ardenoj, kun iliaj palaj muskoj, ilia krispigita vegetado de stipoj kaj erikoj kaj ilia plena izoleco.

Kaj de la supro de la Baraque-Michel, la plej alta loko, la vojaĝanto, haltante, povus admiri la vastegan amplekson kiun, dum hela vetero, oni vidas ĝis malproksime, tute malproksime, kaj ripeti : « Ekzistas bela lando ; tiu lando estas la nia ! »

Kun afabla permeso de l'aŭtoro esperantigis
MARIA POSENAER.